# GAŬĈA STELO 

Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 27 – marto / 2003

# PACO !

"Ho Sinjoro, faru el mi ilon de via paco."
( el la preĝo de
Sankta Francisko el Asizo )






**Antaŭ peza minaco, ke la mondo pledu por vera paco !**

# Forpaso de geedzoj Ledon

Kun granda bedaŭro ni registras ĉi-tie la forpason de geedzoj Gilbert René kaj Symilde Ledon, viktimoj far aŭtomobila akcidento , je la tria de marto ĉi-jare , en San Paŭlo. Estas vere grandega perdo por la esperanto-movado ne nur de Brazilo, sed ankaŭ de la tuta mondo, kie ili elstariĝis kiel senkomparaj aktivuloj por Esperanto kaj sindonemaj idealistoj.

Post tiu fatala okazaĵo estis elektita prezidanto de EASP S-ano Adonis Saliba Silva, anstataŭante S-ino Symilde .



# Brazila kongreso

La venonta 38ª Brazila Kongreso de Esperanto okazos en Belo Horizonte , de la 20ª ĝis la 24ª de julio ĉi-jare . Kiel kongresa temo oni elektis : " Esperanto kaj civitaneco" . La 38ª instaliĝos en la "Centro de Turismo , Convenções e Lazer" , **Venda Nova**, distanca je 17 km de la urbcentro de Belo Horizonte .

Aliĝoj ( anoj de BEL ) ĝis 31ª de aprilo : R$ 70,00 .

# Esperanto kaj mi

( el "Gaja Haveno)

## KIEL :

Preferinde estus diri ion nur pri la unua vorto kiu elstarigas super la dua; tiele , ĉar pri la unua estus eble senfine prikomenti, la dua signifas kunlige; Esperantistiĝo pere de "Esperanto sem Mestre" (FVL); edziniĝo pere de Esperanto kaj adopto de la lingvo ĉiutage ekde tiam; tradukaj, redaktaj kaj kunordigaj laboroj; postenoj estraraj en EASP, partoprenoj en dekoj da E-kongresoj kaj renkontiĝoj; enposteniĝo kiel Regiona Delegito de UEA (sudo).

## KIAL ?

Idealismo ? Misio ? Fine, Esperanto kaj Mi kaj Esperanto rezultas en unu nura afero: Esperanto kaj Esperanto !

Symilde Schenk Ledon/ Jes Ja! – printempo 1991.
Pere de la reprodukto de la supra teksto oni volas omaĝi niajn karmemorajn Gilbert Ledon kaj Symilde .Ledon, for-pasintaj antaŭ kelk-semajne en San Paŭlo pro aŭtomobila akcidento. Dio benu ilin en ĉi tiu nova fazo de ilia sen-afina vivo !

**E-poŝto de GEA:**
**esperanto_ gea@ibest.com.br**

## Gaŭĉaj popoldiroj

Rapida kiel kato sur triparo
Sebeca kiel telefono de viandisto
Efika kiel japano ĉe legomĝardeno
Longa kiel kraĉado de ebriulo
Milda kiel akvokondukanta ĉevalo
Naĝema kiel grizmakula ĉevalo
Malgranda kiel ĝojo de malriĉulo
Rapide kaj senhalte kiel ŝuldanto
nepagdezira
Volonte forgesita kiel mendo
de malriĉulo
Tre konata kiel akuŝistino de kamparo.





## Ĉimarita

Esperantigis : Ivo Sanguinetti

La Ĉimaritan Balonon
Ne ĉiuj povas dancadi
estas nur por malpeza
piedo
kiu povas piedfrapadi.
Mi trafis riverkokegon
kaj pafis idan kokin'
La riverbirdo forflugis
kaj mi
nenian plu vidis ĝin.
Ĉimarita hieraŭ mortis.
Oni entombigis ŝin ;
Kiu parolos ion pri
Ĉimarita
Estos kun sama destin' .

## Esperante ŝajnas portugale

| Esperanto | Português |
|---|---|
| Adulto | Adultério |
| Alimento | Quota, pensão |
| Aluno | Pedra-ume |
| Apero | Aparição |
| Boato | Canoa |
| Bombo | Bomba |
| Boneco | Bondade |
| Brando | Aguardente |
| Brita | Britânico |
| Bruto | Rês |

## Sistemoj pri komunikado

Por faciligi la komunikadon inter la homoj kaj la nacioj, multaj landoj kaj sistemoj estis kreitaj, bazitaj sur la interkonsento kaj la logiko. Signaligo de la trafikoj kaj uzo de la decimalaj unuecoj por la mezuroj de temperaturo ; la brajla skribo por la blinduloj ; la sistemo Morso en la telegrafio ktp - fariĝas veraj " internaciaj idiomoj" kreitaj de la homa menso . Kiel ne adopti ankaŭ komunan lingvon por la komunikiĝo inter popoloj ?

# Besta ludo

| | |
|---|---|
| 1 a 4 - Avestruz | 1 - Struto |
| 5 a 8 - Burro | 2 - Azeno |
| 9 a 13 - Borboleta | 3 - Papilio |
| 14 a 17 - Cachorro | 4 - Hundo |
| 18 a 21 - Cabra | 5 - Kaprino |
| 22 a 25 - Carneiro | 6 - Ŝafo |
| 26 a 29 - Camelo | 7 - Kamelo |
| 30 a 33 - Cobra | 8 - Serpento |
| 34 a 37 - Coelho | 9 - Kuniklo |
| 38 a 4l - Cavalo | 10 - Ĉevalo |
| 42 a 45 - Elefante | ll - Elefanto |
| 46 a 49 - Galo | 12 - Koko |
| 50 a 53 - Gato | l3 - Kato |
| 54 a 57 - Jacare | l4 - Aligatoro |
| 58 a 61 - Leão | 15 - Leono |
| 62 a 65 - Macaco | 16 - Simio |
| 66 a 69 - Porco | 17 - Porko |
| 70 a 73 - Pavão | 18 - Pavo |
| 74 a 77 - Peru | 19 - Meleagro |
| 78 a 81 - Touro | 20 - Virbovo |
| 82 a 85 - Tigre | 21 - Tigro |
| 86 a 89 - Urso | 22 - Urso |
| 90 a 93 - Veado | 23 - Cervo |
| 94 a 97 - Vaca | 24 – Bovino |

# La unua en Brazilo

**La provinco Rio Grande do Sul estis la unua en |Brazilo, kiu konis Esperanton . Je 1896 S-ro Francisco Valdomiro Lorenz, veninte el Eŭropo, fiksis rezidejon en la Kolonio Sankta Feliciano, en Sud-Riogrando, eldonante la " Plenan lernolibron de la Lingvo Esperanto", la unua kiu kaptis adeptojn en Brazilo.**

# Preĝo de Sankta Francisko el Asizo

Ho Sinjoro,faru el mi ilon de via paco :
Kie estas malamo,
zorgu ke mi alportu la Amon.
Kie estas ofendo,
ke mi alportu la Pardonon.
Kie estas nalkonsento,
ke mi alportu Unuecon.
Kie estas eraro, ke mi alportu la Veron.
Kie estas malespero,
ke mi alportu la Esperon.
Kie estas malĝojo , ke mi alportu la Ĝojon.
Kie estas mallumo, ke mi alportu la lumon.
Ho Majstro, zorgu ke mi ne klopodu tiom :
por esti konsolata , kiom por konsoli,
por esti komprenata, kiom por kompreni,
por esti amata, kiom por ami.
Ĉar - donante, oni ricevas,
Pardonante, oni revivigas al la Eterna Vivo

# Farroupilha brikabrako

Meze de la konstanta svarmo ĉe "Farroupilha Brikabrako", la asocianol de GEA havas rezervitan lokon dum la dua dimanĉo de ĉiu monato. Krom fariĝi amikebla loko por renkontiĝoj de la gejunuloj en la Parko , la ornamita stando servas kiel allogilo , kiu donas trafajn informojn pri nia Internacia Lingvo Esperanto. Tie oni trovas ekspozicion de libroj, revuoj, faldfolioj, esperantaĵoj , klarigoj pri kursoj ktp.